# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 15/12/2016 Tricenta eldono (unua eldono 20/09/2011)**



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



SENDATA AL 305. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj



Ekstudis pli ol **642,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

**Ni rimarkis ke tre, tre baldaŭ vi forsendos la 300-an numeron de AE.**

AEA vere admiris/as vian firmecon, insiston kaj rezolutecon pri la regula apero de tiu tre valora informbulteno. Bonvulu enmeti en la 300-a numero la suban gratulmesaĝon.

.... Kaj sur la UNUA paĝo




Refoje, ni serioze gratulas. Plej amike, Sandor Horvath

Ĵus antaŭ la jubilea 300, ricevu miajn fortajn bondezirojn pro jam publikigi tiom multe da semajnaj eldonaĵoj. Marcel

# KIAL DUM OKDEK JAROJ ONI NE POVIS TROVI LA VERBAN PASIVAN VOĈON ?



de Marcel Leereveld.

**Premiso 1:** **La Fundamento de Esperanto.**

Nenio en miaj decidoj kaj juĝoj kaj klarigoj estas kontraŭa al la Fundamento de Esperanto, kiun mi juĝas kiel sanktan kaj formule neŝanĝeblan. Ŝanĝi la Fundamenton estus la fino de Esperanto. Sed Zamenhof estis tiom genia, ke li donis al ni multe da libereco en tiu Fundamento.

Inter alie li neniam diris, ke ni ne rajtas neuzi regulon aŭ rekomendon se ni volas anstataŭe uzi alian formon same obeantan la Fundamenton. Ekzemple li mem ne plu uzis sian vorton "elrigardi" kaj transiris al "aspekti". Same li uzis subjektan predikativon en formo adjektiva kiam la subjekto estas infinitivo aŭ suborda propozicio, se alie povus esti miskompreno, kontraŭ sia propra regulo ke en similaj kazoj la predikativo devas esti adverbo, cetere mallogika regulo ne aplikinda. Do se mi trovas iun Fundamentaĵon neĝusta aŭ nelogika, mi serĉas en la kadro de la Fundamento pli bonan solvon kaj simple ne plu uzas tiun originan Fundamentaĵon. Tiel mi ne ŝanĝas la regulojn de la Fundamento, kiuj restas eternaj. Tion mi faras ne nur pri kelkaj malnovaj vortoj malĝustaj, sed ankaŭ pri la kelkaj, nur du aŭ tri, eraroj en la gramatiko. Sen ŝanĝi la Fundamenton mi tamen alperfektigas Esperanton, kaj povas fari tion pro la libereco donita de Zamenhof.

**Premiso 2:** **Kio estas verbo?**

Verbo indikas kompletan agon el la komenco ĝis la fino. Nur la vortoj kiuj finiĝas per unu el la finaĵoj -as, -is, -os, -us, -u, aŭ -i estas verboj. Same kiel la substantivo "dormo" ne estas verbo, kvankam ĝi referencas al ago., tiel same la adjektivoj "dormanta" kaj "punita" ne estas verboj, kvankam ili referencas al agoj. Ege malmultaj Zamenhof'aj participoj, kiuj origine ja estas adjektivoj, uzatas kiel verboj, kun verba finaĵo. Mi konas nur du, "lerninti" to know kiel en "Mi lernintas tri fremdajn lingvojn", kaj la pasintan perfektan kondicionalon kiel en "Se mi povintus trovi la solvon, mi gajnintus la premion".

**Premiso 3:** **La Regulo pri Signiforedukto.**

Laŭ mia scio, ĝis antaŭ +- tridek jaroj neniu Esperantologo sciis ke, krom la Regulo pri Neceso kaj Sufiĉo, Zamenhof kreis similan regulon pri Signiforeduktado, sen formuli ĝin, verŝajne ĉar ĝi aplikiĝas tre malofte. Kiel ĉe la Regulo pri Neceso kaj Sufiĉo, tiel ankaŭ ĉe la Regulo pri Signiforeduktado iu ajn Esperantisto rajtas apliki la regulon al nova redukto kaj decidi kiel kompreni la novan signifon. Zamenhof kreis jam mem la plejmulton. Vidu mian libron "Lingvaj Resondoj" por legi tiujn. Ĉar li ne formulis sian regulon pri signiforedukto, mi en 1983 faris tion, publikigis ĝin en mia supre nomita verko, kaj aplikis ĝin en tri kazoj, ankaŭ publikigitaj. Ĉar la regulo povas aplikati nur ĉe vortkunmetaĵoj kun kelkaj specifaj sufiksoj, oni povas krei nur kelkajn

aplikojn. La Regulo diras ke, se finaĵo aŭ sufikso havas signifon kiu estas kombinaĵo de du aŭ tri signiferoj, oni povas redukti la signiferojn al unu signifero, kiel ekzemple ĉe la ses participaj adjektivoj, kiuj signifas KAJ la gramatikan voĉon KAJ la tempon, sed nur en alia vortkategorio ol la originala, KAJ NUR SE TIU ALIA VORTKATEGORIO NE UZATIS ĜIS NUN KUN LA KONCERNA SUFIKSO. Zamenhof aplikis la regulon ekzemple ĉe la substantivigitaj participoj, decidante ke la signiferoj persono, aĵo, kaj eco reduktiĝu nur al persono, sed nur ĉar aĵoj kaj ecoj preskaŭ neniam uzatas ĉe tiaj substantivoj.
Rezulte de tiu apliko de Zamenhof homo kaj aĵo kaj eĉ eco povas esti falantaj, sed "falanto" povas esti nur homo, ne ekz. arbo

**(Paĝo 2 de tiu artikolo estos en AE301 )** Marcel Leereveld.

## GRATULOJN MARCEL je via 99a;

almenaŭ unu pli mi deziras al vi, por ke vi ricevu gratulleteron ankaŭ de Ŝia Moŝto Elizabeta
Kaj dankon pro via pensiga *La Vivo de Elektoj* (espereble vi *ne* diris la veron al via kara edzino) kiu igis min elekti ĉu skribi por AE ĉi tiun etan saluton al vi aŭ ne...
Dankon pro viaj altmoralaj elektoj en la vivo, kaj via senĉesa laboro tiucele.
Sanon kaj kontenton, Marcel.
Respektoplene Vera Payne





# La Esperanto-Federacio de Viktorio

invitas vin al sia "Zamenhofa Festo" 6.30 ptm, Sabaton la 17an de Decembro 2016
ĉe la "Melbourne Unitarian Peace Memorial Church"110 Grey Street, East Melbourne.
Bonvolu alporti pladon. Ni esperas ke vi celebros kun ni. Informis Heather Heldzingen



# La Manlia Esperanto-Klubo

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn 10atm.
Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso de senpaga kafo
Sabaton la 17an de Decembro, ni celebros la 97an naskiĝtagon de Eunice Graham
Vizitantoj estas ĉiam bonvenaj Roger Springer

***Novaĵservo Ret-Info / Lingvo-Studio***

# 50-jara jubileo de la "Esperanto-Parko" en Budapeŝto




### NI LAVIS LA BARBON DE ZAMENHOF – KAJ ANKAŬ LA MEMORŜTONON

En la jaro 1966 okazis Universala Kongreso en Budapeŝto. Enkadre de ĝi estis inaŭgurita **"Esperanto Parko"** ĉe la piliero de la ponto Erzsébet, kiu estis trovebla dum longa tempo eĉ per tiu nomo sur la mapoj de la urbo. La tiama urbestro mem inaŭguris la Parkon, kie




estis trovebla ankaŭ Esperanto-fontano kun ĉ. 5 metra diametro, iu memorŝtono kun alto 70 cm-oj, kaj statuo de Zamenhof.

La fontano jam antaŭlonge paneis, sed la **Esperanto-memorŝtono kaj la statuo** havas regulajn turistajn vizitantojn, kaj ankaŭ mi mem ofte haltadas ĉi tie dum urborigardaj ekskursoj kun esperantistaj grupoj.

Dum la preterpasantaj jardekoj al la ŝtono kaj statuo algluiĝis amaso da polvo, malpuraĵo - kaj lastatempe ni jam hontis pro ilia aĉa aspekto antaŭ la eksterlandaj vizitantoj. Pro tio kun kelkaj volontuloj de la Fondaĵo Eszperantó ni decidis, ke ni alportos kelkajn viŝ-broŝojn, purigenzojn kaj akvon, kaj ni lavos la barbon de Zamenhof - kaj kompreneble la tutan statuon kaj ankaŭ la memorŝtonon.

**Kelkaj fotoj pri la puriga kampanjo:**

https://www.facebook.com/media/set/?set=a.984656868330334.1073741849.117145901748106&type=1&l=9dbe0c309d Sur la fotoj estas videble, **kia estis** kaj **kia iĝis** la memorŝtono post la puriga proceso. Ni sukcesis forigi 25-30 jaran malpuraĵon de la pasinta 50 jara historio, sed restis ankoraŭ 20 jaroj por la sekva printempo... :-)

Dankojn al la volontuloj de Fondaĵo Eszperantó en Hungario! Szilvási László

***Postskribo:*** *Verŝajne ankaŭ en aliaj landoj ZEO-j kaj memorŝtonoj ĝojus pro ioma purigado...*

*Lingvo-Studio,* www.eventoj.hu



# El Adelajdo Zamenhof-tago

La adelajda Zamenhof-tago okazis denove en la domo de Indrani, ĉi-foje kun 16 partoprenantoj. Ni raportis pri la jaraj okazaĵoj, teatrumis, aŭskultis prozon kaj poezion, kvizumis, kantis, bone manĝis... Estis agrabla posttagmezo. *Sendis Katja*






Trevor kaj Sean en la teatraĵo



Michael kaj Indrani

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




# Zamenhof-Tago
# ĉe Esperanto-Domo



Ĉiuj estos bonvenaj festi kun ni,
ĉe 143 Lawson St, Redfern NSW
(Google Maps https://goo.gl/maps/xEBuCHWSDE62)

**sabaton, la 17-an de decembro,**
**14:00 ĝis 16:30.**




## Okazos:

- Kantado de Lyudmila Kelloway, de Brisbano
- Esperanto-kvizo (kun libro-premio) kaj aliaj ludoj
- Prezentado al nia plej nova dumviva membro, Roger Springer
- Prelegeto pri la projekto "Amikumu", de Richard Delamore
- Bongustaj manĝaĵoj kaj trinkaĵoj





Poste (je 16:30), okazos Esperanto-leciono por komencantoj,
Kaj Pica Vespero kun Esperanto-filmoj.
Jonathan Cooper, pere de EsperantoFederacio de NSK

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Esperanto Hymn – La Espero Himno

En la mondon venis nova sento,
tra la mondo iras forta voko;
per flugiloj de facila vento
nun de loko flugu ĝi al loko.

➔

Ne al glavo sangon soifanta
ĝi la homan tiras familion:
al la mond' eterne militanta
ĝi promesas sanktan harmonion.

Sub la sankta signo de l' espero
kolektiĝas pacaj batalantoj,
kaj rapide kreskas la afero
per laboro de la esperantoj.

➔

Forte staras muroj de miljaroj
inter la popoloj dividitaj;
sed dissaltos la obstinaj baroj,
per la sankta amo disbatitaj.

Sur neŭtrala lingva fundamento,
komprenante unu la alian,
la popoloj faros en konsento
unu grandan rondon familian.

➔

Nia diligenta kolegaro
en laboro paca ne laciĝos,
ĝis la bela sonĝo de l'homaro
por eterna ben' efektiviĝos.

http://eo.wikipedia.org/wiki/La_Espero

Aŭtoro: L. L. Zamenhofo

## JEN MI KREIS NOVAN SLOGANON POR LA ESPERANTISTARO :

***Slogano:* L a g e n i a Z a m e n h o f k r e i s g e n i a n l i n g v o n k u n g e n i a v e r b s i s t e m o**



**Genia verbsistemo, precipe ĉar**

1) ĉiuj agoj, inkl. “esti” k.t.p., reprezentatas de nur unu vorto, verbo;
2) ĉiu verbo reprezentas la plenan agon el komenco ĝis fino;
3) la voĉoj esprimatas per sufikso, kiuj estas: manko por la aktivo, -at- por la pasivo, -iĝ- por la medialo, kaj -ig- por la faktitivo.

**Genia lingvo, precipe pro:**

1) multaspekta aglutina vortpluformado;
2) regulo ke la akuzativa finaĵo -n interŝanĝeblas kun iuj prepozicioj;
3) la radikigo de afiksoj, do la praktika forigo de la derivado.

**Genia Zamenhof, precipe pro:**

1) la reguloj pri Neceso kaj Sufiĉo kaj pri Signifореduktado;
2) la libereco ne uzi certajn iujn gramatikajn regulojn;
3) la postulo ke la Fundamento de Esperanto restu neŝanĝebla.

Marcel Leereveld.

## La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj...

Estonte ili estas aparte kunligataj nomitaj » Aŭstralia Esperantisto » 300 Informaj paĝoj